

## La amantoj

Jen chi gruaro en granda arko!
La nuboj, kiuj ilin akompanas,
de ekflugo jam vojaghas kune
el unu vivo en alian vivon,
en sama alto, samrapide,
kvazaù ambaù nur apude,
ke tiel la gruo kun la nub' dividu
la belan chielon traflugotan,
ke tiel tie chi neniu restu,
kaj chiu nur vidu la alies sinluladon
en la vento kiun ambaù sentas
kiuj nun apude kushas fluge.
Tiel la vento forkonduku ilin al senfino,
se ili nur ne pereu kaj sin restu,
tiom longe ilin povos nenio tushi,
tiom longe oni forpelu ilin de chiu loko
kie minacas pluv' aù pafoj bruas.
Tiel, sub la ghemelaj diskoj de lun' kaj sun'
ili preterflugas, unu al la alia sin fordonante.
Kien vi? -
Nenien. -
Kaj de kiu for? -
De chiuj.

Vi demandas, kiom longe jam ili kunestas?
Nelge. -
Kaj kiam ili redisighos? -
Baldaù.
Tiel la amo apogo shajnas al amantoj.
**Bertolt Brecht**

(elgermanigis Klaus Mohrhoff)